Jan

# INTERNACIA ĴURNALISTO

n-ro 4/92




## Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)





**Levu la manojn ...**
Vieno, mardo 28a de julio 1992, 17.30 h en salono Grabowski, dum la 77a Universala Kongreso de Esperanto, membrokunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Ĉeestas pli ol 50 personoj, TEĴA-anoj kaj nemembroj. Necesas serioze labori kaj tre ofte levi la manojn, por voĉdoni pri nova fundamento de TEĴA: statuto, reglamento, estrar-elektoj, aprobo de landaj sekcioj ... (Legu la raporton sur la paĝoj 3 - 6.)

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de
TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Paiĉeva 21, 58000 Split, Kroatio

Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg, Ruslando

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

ARBITRACIA KOMISIONO
István ERTL, Andreo PETTYN, László SZILVÁSI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

# OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

**Nova membrokotizo - bonvolu nun nepre pagi**

La membrokunveno de TEĴA en Vieno (vidu raporton sur la sekvaj paĝoj) fikis la kotizon de la asocio; por 1992 kaj postaj jaroj ĝi estas

**20,00 germanaj markoj (DEM) aŭ egalvaloro** (14 usonaj dolaroj).

Tiu ĉi kotizo validas por ĉiuj, kiuj povas senprobleme pagi, do precipe membroj en okcidentaj landoj, sed ankaŭ tiuj, kiuj iamaniere - ekz. helpe de konto ĉe UEA, helpe de konto ĉe FEL (kiun havas ekz. ĉiu kunlaboranto de *Monato*) - povas ĝiri monon. La estraro petas, ke vi pagu ne nur por ĉi tiu jaro, sed laŭeble tuj ankaŭ por la du sekvaj jaroj 1993 kaj 1994. Kiu jam pagis provizoran kotizon, kompreneble subtrahu tiun sumon.

- La estraro krome petas, ke ĉiu, kiu ekonomie kapablas, pagu kotizon kvazaŭ ĝemele (kiel oni proponis en la membrokunveno) por kolego en nepagipova lando aŭ donacu sumon al TEĴA por kovri la deficiton.

- Membroj en Pollando kaj Ruslando pagu siajn kotizojn al la kasistoj de ties landaj TEĴA-sekcioj.

- Plu validas la ebleco de senpaga membreco por tiuj, kiuj tute ne povas pagi pro ekonomiaj kaj similaj kialoj, precipe do en evolulandoj.

**Landaj sekcioj de TEĴA**

**Pola TEĴA-sekcio.** Provizora adreso estas tiu de estrarano Kosieniak (vidu en apuda kolofono).

**Rusa TEĴA-sekcio.** Provizora adreso: Ljvovna Kirina Irina, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48, Ruslando

**Propono por nova punkto 9 de l' Etika Kodo:**
9. Artikoloj, kiuj laŭ formo aŭ enhavo povas humiligi aŭ kalumnii homojn kaj grupojn pro ties morala aŭ religia konvinko, ne konformas al ĵurnalisma etiko; tio validas ankaŭ por ilustraĵoj, karikaturoj, fotoj kaj filmoj.

---

# MEMBROKOTIZO

**de TEĴA por 1 jaro:**

**Okcidentaj landoj:**
**20 germanaj markoj** aŭ egalvaloro (ekz. 14 usonaj dolaroj)
**Orienteŭropaj landoj:**
**5 germanaj markoj** aŭ egalvaloro
Se ekzistas landa sekcio de TEĴA, la sekcio mem fiksas la kotizon.
**Evolulandoj kaj individuaj membroj en landoj kun similaj ekonomiaj problemoj: neniu pago**
Por ĝiri membrokotizojn aŭ donacojn al TEĴA bonvolu atenti la apudajn indikojn pri pagmanieroj al FEL.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉekoficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Petu al via poŝtoficejo fari internacian poŝtmandaton je nomo de Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi al ni tian ĉekon. La valuto devas esti la belga franko (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi via bankkartnumero. Se unu el la du lastaj postuloj ne estas plenumita, la banko subtrahos 225 BEF pro la bankkostoj;
- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon kaj menciu la sumon en belgaj frankoj. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo ĉe UEA estas fela-x;
- Se vi havas kurantan konton ĉe FEL, en kiu estas bonhavo, faru nenion. Ni simple subtrahos la necesan sumon de via bonhavo;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la usona dolaro (USD). Pri la kurzo de la dolaro unue informiĝu ĉe via banko;
- Se vi posedas kreditkarton *Eurocard, Access, Visa, Fujicard* aŭ *Mastercard*, eblas pagi citante la numeron kaj la validodaton de la karto. Se vi mencias tiujn okaze de la mendo, ne aldoniĝos kostoj. Se vi sciigas ilin nur post ricevo de la fakturo, aldoniĝos 5% pro administraj kostoj;
- Se vi ne povas pagi laŭ unu el la sep supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi pli:
  - Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron por la bankkostoj;
  - Sendu al ni internaciajn respondkupojn maldekstre stampitajn. Unu respondkupono egalas al 25 BEF.

Por limigi la bankkostojn, vi povas pagi pli altan sumon. La tro pagita mono eniros konton vian, pri kiu vi povas disponi por estontaj mendoj.
Pagante bv. nur mencii vian FEL-kodon kaj la fakturnumeron (troveblan sur la fakturoj). Bv. ne ripeti la mendon.

# TEĴA sur nova solida fundamento

## En Vieno ni refondis nian asocion - statuto akceptita

**Vieno - Per akcepto de novaj statuto, reglamento kaj laborplano kaj elekto de nova estraro, la membrokunveno de TEĴA la 28an de julio 1992 en Vieno donis al la fakasocio „solidan fundamenton por la estonta prospero", kiel diris prezidanto *Stefan Maul* en sia ferma paroladeto. La membrokunveno (kun preskaŭ 60 partoprenantoj) definitive fiksis membrokotizon. La estraro jam entreprenis unuajn paŝojn por plenumi la plej urĝajn taskojn: aperos inform-kajereto *TEĴA prezentas sin*, kiu servos ankaŭ kiel varbilo; laborkomisiono preparas seminariojn por trejni ĵurnalistojn; TEĴA estonte zorgos pri bona funkciado de gazetara servo kaj kongresa kuriero dum Universalaj Kongresoj.**

La membrokunveno suferis pro tempopremo, ĉar anstataŭ la menditaj du horoj nur unu kaj duona horoj estis je dispono; tial bedaŭrinde ne restis sufiĉe da tempo por detale diskuti la laborplanon, kiun la kunveno povis akcepti nur „principe".

Enkonduke *Stefan Maul* diris en sia malferma parolado:

„Estimataj gekolegoj, karaj geamikoj,
mi tre ĝojas ke vi ne maltrafis nian membrokunvenon, kaj ke mi povas bonvenigi surprize grandan nombron de TEĴA-anoj el tiom da landoj; precipe kaj aparte kore mi bonvenigas tiujn inter vi, kiuj alvojaĝis el foraj landoj. Inter tiuj foraj landoj estas kelkaj, kiuj antaŭe vivis sub la jugo de komunismo - kaj pro tio dum terure multaj jardekoj estis foraj por la okcidentaj esperantistoj. Nun, feliĉe, tiuj landoj grandparte fariĝis proksimaj, almenaŭ pli proksimaj. Ties civitanoj tamen - kiel ni ĉiuj scias - daŭre havas problemojn, precipe ekonomiajn, ekspluati la nove akiritajn liberecojn. Ke spite al tio ili venis tiom multnombraj, meritas apartan aplaŭdon de ni ĉiuj!

**Gravaj taskoj**

Karaj gekolegoj, antaŭ ni staras gravaj taskoj, kiujn ni devas plenumi dum ĉi tiu membrokunveno en la intereso de nia fakasocio. Tiuj el vi, kiuj ĉeestis la TEĴA-kunvenon dum la UK en 1991 en Bergeno, eble havis la impreson, ke okazis puĉo, kiun iniciatis mi. Se estis puĉo, ĝi estis paca puĉo, ĉar neniu el la nunaj estraranoj intencis detronigi iujn aktivulojn - ja ni eĉ ne povis fari tion, ĉar kun treege malmultaj esceptoj jen ne plu estis aktivuloj en TEĴA. La asocio agoniis dum pluraj jaroj, probable do ni lastmomente savis ĝin el morto.

La kompletan dimension de la katastrofa situacio de TEĴA mi ekkonis nur post la kunveno en Bergeno: Mankis fidindaj membrolistoj, en la kaso estis praktike eĉ ne unu monero, de jaroj ne plu aperis la asocia organo *Internacia Ĵurnalisto*, la tuta asocia vivo estis nur tiu sur la paĝoj de la jarlibro de UEA, kie oni fanfaronis pri 350 membroj. TEĴA estis surpapera fantomo, nenio alia.

La nova, en Bergeno elektita estraro do devis komenci efektive ĉe nulo, ja minuso. Inter la plej negativaj fenomenoj, laŭ mia sperto, estis tiu, ke eĉ kelkaj estraranoj tiom malaktivis, ke ili tute ne respondis al leteroj miaj. Konsekvence ni devis trakti ilin kiel fantomojn kaj nuligi ties estraranecon.

**Dankoj**

Ĉi-loke mi volas aparte danki al kolego Dino Fabris, kiu kiel antaŭa estrarano povas kontribui al kontinueco de TEĴA. Li multe klarigis al mi kaj ebligis eviti erarojn. Dankon mi devas diri ankaŭ al honora membro de TEĴA, Olav Thormodsen, kiu hodiaŭ estas inter ni kaj kiu kun Fabris organizis la kunvenon en Bergeno kaj tiel ebligis la pluan vivon de l' asocio. Krome mi volas danki speciale ankaŭ al Evgeni Georgiev, kiu spite al sia persona malfacila situacio multe helpis en reorganizado de TEĴA. Kaj kompreneble mi dankas al la aktivaj estraranoj Paŭlo Gubbins, Davor Grgat kaj Lech Kosieniak.

**Fundamentaj laboroj**

Kiel vi poste ekscios el la jarraporto de nia ĝenerala sekretario, dum ĉi tiu pasinta jaro ni devis koncentriĝi je fundamentaj laboroj. Post la epoko, kiam la asocion dominis komunisma Bulgario, ni devis rekonduki la asocion al demokrata vojo - eĉ la elektoj en Bergeno, laŭ mia kompreno, ne estis demokrataj - komence mi ja ne sen intenco parolis pri puĉo. Do necesis ellabori komplete novajn statuton kaj reglamenton - temporaba tasko, kiel ĉiu scias, kiu iam partoprenis tian laboron. Krome necesis reaperigi la asocian organon, kiun taskon - pro manko de alia redaktoro - mi transprenis mem. Kaj kio pri la financo, kiam la kaso estas oscede malplena? Por certigi la starton de nova TEĴA, mi donacis al ĝi modestan sumon - sed kiel ni povos daŭrigi, se ekzemple en multaj orient-eŭropaj landoj niaj membroj tute ne kapablas pagi kotizojn?

Jen do gravaj problemoj, kiujn hodiaŭ - dum malpli ol du horoj - ni devos solvi. Mi kore petas vin, ke poste ni ne perdu multan tempon per diskutado pri statuto kaj reglamento, sed ke ni uzu la okazon, por diskuti kaj decidi precipe pri la aktuale urĝaj problemoj kaj nia laborplano.

Nu, per tiu ĉi paroladeto - por kontentigi la formalaĵojn de l' protokolo - mi oficiale malfermas la membrokunvenon de TEĴA."

**Problemo de voĉdono**

Antaŭ ol transiri al la tagordo, la prezidanto levis la demandon, kiu dum la kunveno rajtu voĉdoni. Li diris pri tio i. a.:
„Povas esti, ke ne ĉiuj ĉeestantoj (jam) estas membroj de

TEĴA. Tamen per sia ĉeesto ili ja montras intereson pri la asocio. La demando do estas, ĉu ni rajtigu ĉiujn ĉeestantojn voĉdoni, indiferente ĉu ili jam estas membroj aŭ ne, aŭ ĉu ni donu tiun ĉi voĉdonrajton nur al gekolegoj, kiuj jam aliĝis al TEĴA? Mia persona opinio estas, ke fakte ni partoprenas ĉi tie kvazaŭ fondkunvenon, ĉar iusence ni ja re-fondas la fakasocion kun tute aliaj premisoj, kriterioj kaj kondiĉoj. Tial ŝajnas al mi esti pli demokrate, ke ni ne rifuzu al iu ĉeestanto voĉdonrajton."

Sekve oni notis la nombron de ĉeestantaj membroj kaj nemembroj; montriĝis, ke en tiu momento en la salono troviĝis 24 TEĴA-anoj kaj 24 nemembroj. La voĉdonado donis jenan rezulton: 20 TEĴA-anoj aprobis, ke ĉiuj ĉeestantoj rajtu dum la kunveno voĉdoni; neniu estis kontraŭ; 4 sin detenis. Per granda plimulto la kunveno akceptis la tagordon publikigitan en IĴ 3/92.

Sekvis la agadraporto de l' ĝenerala sekretario *Evgeni Georgiev*, kiun vi povas legi en ĉi tiu numero, kaj la kasraporto kun provizora buĝetpropono; la buĝeton mem oni prokrastis ĝis post la voĉdonado pri nova membrokotizo. Por ŝpari tempon, la kunveno rezignis pri legado de protokolo de l' kunveno en Bergen 1991. Per granda plimulto oni senŝarĝis la estraron.

**Modifoj en etika kodo**

Pri statuto kaj etika kodo la prezidanto atentigis, ke ties akcepto ne devus esti problemo, ĉar oni jam vaste diskutis ĝin en IĴ. Rilate la reglamenton li diris, ke ĝin la estraro ellaboris nur mallonge antaŭ la kunveno kaj ke la membroj laŭ la statuto fakte ne devus voĉdoni pri ĝi, sed ke tamen la estraro ŝatas ricevi aprobon de la kunveno. En la diskuto montriĝis, ke pluraj membroj ne aprobis punkton 9 de l' etika kodo, kiu estas konsistiga parto de la statuto. Tial laŭ propono de la prezidanto oni forstrekis ĉi tiun paragrafon kaj donis al la estraro komision, fari novan proponon por tiu ĉi punkto. Krome per granda plimulto oni akceptis aldoni en paragrafo 11 „sekso" antaŭ „raso, religio..." Kun ĉi tiuj modifoj definitive la membrokunveno akceptis statuton kaj reglamenton kun 38 jesaj voĉoj kaj 4 sindetenoj.

**Nova estraro**

Laŭ propono de la estraro la kunveno aprobis, ke *Andreo Pettyn* gvidu la elektojn. Lerte li faris tion en rekorda tempo... Por la posteno de prezidanto kandidatis nur *Stefan Maul*, kiun oni elektis per granda plimulto. Por la postenoj de l' ceteraj estraranoj ankaŭ ne aperis novaj proponoj krom tiuj prezentitaj en IĴ 3/92; ankaŭ ilin oni elektis per granda plimulto, tiel ke do la nova estraro havas jenan konsiston:
Prezidanto: Stefan Maul
Vicprezidanto: Paŭlo Gubbins
Ĝenerala sekretario: Evgeni Georgiev
Kasisto: Dino Fabris
Estraranoj: Davor Grgat, Aleksander Korjenkov, Lech Kosieniak.

Post tio la kunveno elektis du kasrevizorojn: Claude Rouget, Tapio Sormunen. Kiel membroj de l' arbitracia komisiono elektiĝis: István Ertl, Andreo Pettyn, László Szilvási.

**Problemo membrokotizo**

La eble plej malfacila problemo de l' membrokunveno estis la kotizo. La prezidanto atentigis pri la deficito de TEĴA unuflanke kaj pri la problemo, aliflanke, „ke granda parto de nia membraro pro la konataj kialoj ne povas pagi adekvatan kotizon aŭ tute ne povas pagi". La estraro proponis al la kunveno tri kategoriojn de kotizo:
1. por okcidentaj landoj 10 germanaj markoj aŭ egalvaloro;
2. por landoj kun transpagaj kaj ekonomiaj problemoj la duonon de la ordinara kotizo, en landa valuto;
3. por evolulandoj kaj individuaj membroj, kiuj pro ekonomiaj kialoj ne povas pagi, senkotizan membrecon.
Maul klarigis krome: „Kategorioj 2 kaj 3 validu tiom longtempe, kiom ekzistas la menciitaj problemoj. Ni devas financi tion kaj per la kotizoj kaj per donacoj de okcidentaj membroj."

En la diskutado montriĝis, ke ankaŭ 5 germanaj markoj por preskaŭ ĉiuj orienteŭropaj TEĴA-anoj estas multe tro alta kotizo. Venis propono, ke okcidentaj membroj kvazaŭ „ĝemeligu" orienteŭropajn, pagante por ili kotizon; alia proponis starigi abonhelpan fondaĵon. Fine el la publiko venis la propono, fiksi kotizon de 20 germanaj markoj por okcidentaj membroj (kategorio 1). Tiu ĉi propono estis akceptita per granda plimulto. Krome la kunveno akceptis, ke landaj sekcioj neokcidentaj rajtu mem fiksi kotizon por siaj membroj.

**Du landaj sekcioj**

La kunveno aprobis laŭ la peto de ruslandaj kaj polaj membroj ties landajn sekciojn. Bulgaraj membroj informis, ke baldaŭ oni povos proponi ankaŭ sekcion en tiu ĉi lando.
Neklare estas, ĉu efektive ankoraŭ ekzistas la jam en la statuto menciita speciala TEĴA-sekcio *Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj;* pro tio la prezidanto petis bulgarajn gekolegojn, enketi pri ĝi. (Se iu el la legantoj povas doni informojn, la estraro estos danka.)

**Prioritatoj de TEĴA**

Pro la jam menciitaj problemoj de tempopremo la membrokunveno nur iomete povis diskuti pri la laborplano prezentita en IĴ 3/92. Oni forstrekis ĉe punkto 2 la proponon, realigi praktikan trejnadon ankaŭ dum UK-oj, ĉar laŭ la ĝenerala sperto - ankaŭ en Vieno - tio ne eblas dum la kongresa semajno pro la tro ampleksa cetera programo. Krome la kunveno metis la punkton 5, kiu en la propono de P. Gubbins aperas laste sub „malpli urĝaj celoj", ke TEĴA organizu/helpu la kongresan gazetaran servon, en la ĉapitron „Tujaj celoj". En la sama ĉapitro sub punkto 3 pri la asocia organo oni forstrekis la duan frazon, kiu pridubas ĉu temoj kiel paco, ekologio k. s. estu esencaj temoj por IĴ.
La kunveno post tiuj modifoj

komisiis la estraron, ellabori definitivan laborplanon, donante al la membroj la eblecon, ĝis fino de ĉi tiu jaro skribe reagi al la propono. (Vidu pri tio ankaŭ aliloke en ĉi tiu numero!)

**Laborkomisiono**

Pro la fakto, ke la membrokunvenon oni ne povis daŭrigi, ĉar la disponita tempo pasis (efektive oni jam transpasis ĝin je duona horo), ne plu eblis trakti la sekvajn punktojn de l' tagordo. Ekz. la kunveno ne povis aŭdi la proponon por laborkomisiono pri trejnado, kiun ni do aperigas en ĉi tiu numero de IĴ. Same ne eblis, denove diskuti pri buĝeto por la venonta jaro; vi trovas koncernan proponon de la estraro aliloke en ĉi tiu numero de IĴ.

**„Historia kunveno"**

La prezidanto fermis la kunvenon per jenaj vortoj:
„Estimataj gekolegoj, karaj geamikoj, ni venis al la fino de ĉi tiu membrokunveno, kiun oni patose povus nomi *historia*. Malpli patose mi volas diri, ke ni metis novan, solidan fundmaneton por la estonta prospero de TEĴA. Sed nun gravos, ke sur ĉi tiu fundamento ni konstruu same solide kaj aktive. Por realigi la konstruadon, ni bezonas ĉies helpon. Post la engaĝiĝo, kiun vi ĉiuj montris dum la pasintaj du horoj, mi fidas ke ni sukcesos. Mi dankas al vi pro la pacienco kaj aktiva kunagado, same pro la konfido, kiun vi montris al la elektitoj. En la nomo de l' estraro mi promesas, ke ni energie provos plenumi ĉiujn taskojn, kiujn vi komisiis al ni."

**Konkretaj decidoj**

La estraranoj, kiuj ĉeestis la UK-on en Vieno (Maul, Georgiev, Korĵenkov kaj Kosieniak), en unua kunsido post la membrokunveno priparolis plurajn aferojn, kiujn intertempe decidis la kompleta estraro: 1. TEĴA eldonos informkajereton, en kiu la asocio prezentas sin, kun statuto kaj reglamento; ĝin ricevos ĉiu membro, sed samtempe ĝi servos por informi tiujn, kiuj interesiĝas pri membriĝo en TEĴA. 2. La asocio eldonos novajn, modernajn membrokartojn, kiuj validos por po kvin jaroj. 3. Probable en la unua aŭ dua numero de IĴ en 1993 aperos listo de la TEĴA-membroj, tiel ke ili povos kontakti unuj la aliajn, dum ankoraŭ ne ekzistas la jarlibro menciita en la laborplano. 4. TEĴA provos organizi unuajn seminariojn por trejni ĵurnalistojn okaze de aliaj E-kunvenoj, konferencoj kaj kongresoj. 5. Por aŭtuno 1993 TEĴA planas organizi specialan seminarion en Poprad (Slovakio) pri specifaj karakteroj kaj problemoj de ĵurnalismo en diversaj landoj. 6. TEĴA kompilos gvidlibreton pri organizado de gazetara servo kaj kongresa kuriero dum UK-oj, kiu espereble utilos jam por la UK en Valencio en 1993.
sm

# Agadraporto 1991 – 1992

Pasis unu jaro depost la membrokunveno dum la 76a UK en Bergeno, en kiu oni akceptis la leteron de Stefan Maul kaj elektis novan estraron. Tiel finiĝis la stagna periodo en la agado de TEĴA dum la lastaj jaroj. Ĉefa kaŭzo por tio sendube estis la fundamentaj ŝanĝoj en Orient-Eŭropo, rezulte de kio grave suferis multaj E-organizaĵoj: ili perdis sian bazan membraron, fontojn de monrimedoj kaj iuj eĉ disfalis. Tio koncernis ankaŭ Bulgarion, kiu estis centro de aktivado de TEĴA ekde ties fondiĝo kaj kie estis ricevataj subvencioj por nia asocio kaj oni eldonis la organon „Internacia Ĵurnalisto". Pro manko de monrimedoj la gazeto ĉesis aperi jam en 1988.

**La revuo reaperis**

Dum la raportata periodo la plej grandajn tempon kaj energion de TEĴA-anoj postulis ellaborado de novaj statuto, reglamento kaj laborplano. Al tiu laboro certe malbonefikis la nesufiĉa aktivado, eĉ malaktivado de iuj estraranoj de nia asocio.
La nova prezidanto Stefan Maul donis al TEĴA sumon necesan por reaperigo de la asocia organo, mem kunmetis kaj redaktis la aperintajn ĝis nun kvar numerojn. En tiu laboro li ricevis subtenon de multaj membroj, kiuj sendis siajn kontribuaĵojn kaj esprimis siajn opiniojn kaj proponojn pri vivgravaj aferoj de nia asocio.

**Provizora komisio**

La unua numero de la nova serio de IĴ aperis en oktobro pasintjare. En ĝi aperis la ĝis nun valida statuto de TEĴA kaj propono pri nova statuto, kiu lasta estis bazita sur demokrataj principoj. La ĝisnuna statuto malperfektis, estis malklara kaj nebula en multaj punktoj. Tial do ĉiuj en Bergeno elektitaj estraranoj povis labori intertempe nur laŭ provizora komisio, strebante agadi almenaŭ laŭ la celoj kaj interesoj de la membroj. Unue necesis havigi al TEĴA novan, demokratan kaj taŭgan statuton, sen kiu la estraro ne povus sukcesplene labori. Pro tio la TEĴA-anoj estis petataj doni siajn kritikojn, proponojn kaj sugestojn al la prezidanto kaj redaktoro de IĴ.

**Reregistro de membroj**

En la sama numero de la asocia organo aperis aliĝilo, enketilo kaj propono pri etika kodo de ĵurnalismaj principoj. La aliĝilo estis bezonata por ke ni registru la membrojn. Grava problemo estis, ke ni tute ne sciis, kiu estis orda membro kaj kiu ne. Malfacilaĵo estis ankaŭ, ke ne eblis indiki, kian kotizon ni devas postuli por TEĴA-membreco. Sed la membroj estis petataj subskribi provizore la aliĝilojn kaj poste esti liberaj eksiĝi, se ne konsentas pri la fiksita membrokotizo.
La eĥo de la membraro unuatempe estis tre malforta. Ĝis la mezo de decembro la prezidanton atingis nur malgranda nombro de aliĝiloj kaj enketiloj, krome preskaŭ mankis al la statutpropono. El la orienteŭropaj landoj alvenis preskaŭ neniuj leteroj, eble pro tio, ke la tieaj membroj havis tute

aliajn zorgojn kaj problemojn ol okupiĝi pri TEĴA.

**Vasta aprobo**

Grave estis, ke sur la resenditaj enketiloj oni trovis ankaŭ vastan aprobon de la prezentitaj tie celoj, taskoj kaj planoj; multaj respondintoj aldonis pliajn, parte tre bonajn ideojn. La statutpropono provokis tre malmultajn reagojn kaj neniun fundan kritikon. Necesis fari nur malmultajn kaj negravajn ŝanĝojn. Rezulte de tio nun antaŭ vi estas definitiva teksto de la estrara propono pri nova statuto de TEĴA.
En n-ro 2/1992 de IĴ aperis la rezultoj de la enketo. Evidentiĝis, ke preskaŭ ĉiuj punktoj de la enketo ricevis grandan aprobon, kaj nur kelkaj restis sub la 50-procenta limo.
Atentokapta inrterŝanĝo de spertoj inter gekolegoj de okcidenta kaj orienta Eŭropo okazis dum seminario pri informado de 29a de februaro ĝis 2a de marto 1992 en Poprad (Slovakio). Tiu seminario estis organizita de la Informa Fako de UEA kaj ĝin partoprenis krom la TEĴA-prezidanto ankaŭ pluraj membroj de TEĴA.

Evgeni GEORGIEV
Ĝenerala sekretario de TEĴA

ESPERANTO-MOVADO

## Rezolucio por savi radio-programojn

**Reprezentantoj de diversaj radio-stacioj utiligantaj Esperanton kaj aŭskultantoj de tiuj stacioj, kunsidantaj dum la 77-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno (24a julio - la aŭgusto)**

- diskutinte la aktualan situacion de la esperanto-programoj kadre de kurtondaj radiostacioj;
- konstatinte, ke pluraj radiostacioj, precipe Pola Radio (Varsovio), Svisa Radio Internacia (Berno), Radio Zagreb (Kroatio) draste reduktis aŭ eĉ ĉesigis sian Esperanto-programon;
- forte bedaŭras la decidon de la estraroj de la supre menciitaj radiostacioj;
- opinias, ke Esperanto-elsendoj daŭre estas alloga kaj grava rimedo por la internacia komunikado, precipe en la nuntempo, kiam oni alstrebas la kreon de nova internacia ordo;
- estas konvinkitaj, ke Esperanto estas vaste ŝatata lingvo por informi la internacian publikon pri la eventoj en la koncernaj landoj;
- emfazas la fakton, ke ĉefe en orienta Eŭropo daŭre estas forta deziro ricevi objektivan informadon el aliaj mondopartoj, kiun garantias la Esperanto-lingvo;
- petas la supre menciitajn radiostaciojn revizii sian decidon kaj reenkonduki Esperanton;
- rekomendas al nove sendependiĝintaj ŝtatoj utiligi Esperanton pere de la propraj radiostacioj.

## Alvoko al E-gazetaro kaj E-organizaĵoj

Reprezentantoj de radiostacioj utiligantaj E-on kaj aŭskultantoj de ĉi tiuj stacioj el diversaj landoj kunvenintaj dum la 77-a UK en Vieno, substrekante la gravecon de rapida informado per radio-elsendoj pri landaj kaj movadaj okazaĵoj kaj ankaŭ pri E-movadaj temoj,
konsiderante la rolon de radio-elsendoj en lingvo-klerigo kaj evoluigado de parola kulturo,
alvokas la e-istajn organizaĵojn kaj la E-gazetaron doni pli da atento al la popularigado de radio-elsendoj de diversaj stacioj per regula informado pri ili en E-kursoj, kluboj kaj konferencoj.
La redaktoroj kaj aŭskultantoj kunvenintaj en Vieno esprimas la konvinkon, ke pli intensa kunlaborado de E-organizoj kaj redakcioj de E-elsendoj povas pli efike kontribui al la antaŭenigo de la praktika realigado de la celoj de internaciaj, fakaj kaj landaj organizaĵoj, kaj tutkore invitas al tia kunlaboro en la komuna intereso de la E-movado.

JU AMRADO
DES MILITO

BRITIO

## Danĝera farso

Kiam unu matenon, je la 6a horo, polico en Britio raziis la domon de la filo de mortinta gazeto-magnato Robert Maxwell [Maksŭel] - vidu IĴ-on 2/92 - ĉio estis filmita de raportista skipo de televid-kompanio. Atestis do milionoj da britoj, kiel la surprizita kaj kolerega bofilino de la magnato, kredante ke ‚atakas' la domon ĵurnalistoj, insulte vokis de supera etaĝo: „Forpisu, ke la policon mi ne telefonu", kaj kiel trankvilvoĉe respondis de sube polica inspektoro: „Sinjorino, estas ni la polico" ... kaj kiel kelkajn minutojn poste arestiĝis la filo, Kevin, mem implikita en la dubindaĵoj de la patro.

Farselementoj, certe, sed sub pajaca eksteraĵo kaŭras gravaj principoj. Ekzemple, ĉu en demokratio vere necesas iun aresti je la sesa horo matene? Konate estas, ke tia sunleviĝa operacio ne estas unika: male, ĝin favoras la polico, dirante ke arestotoj nur je tiu horo ĝenerale ĉehejmas. Tamen forte kondamnis la polican agadon la prezidanto de brita advokata asocio, atentigante, ke tia razio odoraĉas je totalismo kaj senhonorigas justeco-koncepton en Britio.

**Laŭ ĵurnalista vidpunkto**

Sed de ĵurnalista vidpunkto prezentiĝas eĉ pli pripensindaj punktoj. Kiel raportistoj sciis, ke ĝuste tiam estos arestita Kevin Maxwell? Alivorte: ĉu polica ĉefo avertis ĵurnalistaron, por ke ĝi kune kun kameraoj, fotiloj kaj aliaj ekipaĵoj ĉeestu? Se jes, kial? Ĉu la polico deziras fanfaroni pri sia ‚lerteco' kapti suspektatan krimulon? Ĉu la polico - aŭ eble la registaro, kies agentoj ja estas la polico - intence kaj tiel videble traktis Maxwell kiel krimulon, por lin publike, sur-ekrane nigrigi kaj tiel veneni eventualan proceson? Kaj ĉu la polico ricevis ŝmirmonon de televid-kompanioj kiel dankesprimon pro flustri-

taj vortoj pri drameca, frumatena aresto?

Facilas levi demandojn; kontentige respondi malfacilas. Oni alfrontas al silento, al nescio, al kapskuiĝoj, al ŝultroleviĝoj. Almenaŭ starigitaj estas la demandoj, kiuj tiel resumiĝas: ĉu bonas, ke polico kaj ĵurnalistoj tiel kunlaboru?
Paŭlo GUBBINS

USONO •

# Televido nur por junularo?

**La tendenco al kompleta komercigado de usona televizio postulas novajn viktimojn: Baldaŭ spektantoj pli aĝaj ol 50jaraj estos neglektataj.**

Tri el la kvar tutnaciaj televid-kompanioj planas, dediĉi siajn programojn dum la ĉefa tempo ekskluzive al la gusto de 18-49jaruloj - kvankam la nombro de pliaĝaj homoj en Usono konstante kreskas.
Decidaj por la koncentriĝo je pli junaj spektantoj estas - kiel tro ofte en usona televido - la postuloj de reklam-klientoj. Jam delonge la konzernoj ne plu atentas nur la kvanton de spektantoj, sed pli grave por varb-elsendoj estas *kiu* rigardas ilin.
Laŭ analizo de reklam-agentejoj pli aĝaj homoj tendencas al konservemo, do restas ĉe konataj varoj kaj markoj kaj ne emas ŝanĝi siajn kutimojn. Kontraste konsumantoj sub 50 jaroj volonte lasas sin inspiri per alloga reklamado kaj ofte testas novajn produktojn. Ĉar la reklamistoj volas atingi ĝuste tiun aĝogrupon, ili pli kaj pli multe mendas varb-elsendojn inter programoj spektataj precipe de junaj homoj. En konkurenco pri reklam-enspezoj do la televid-kompanioj devas oferti konvenajn programojn.

**Pliaĝuloj ne bezonataj**

„Ni bezonas eĉ ne unu spektanton super 50, por garantii sanan program-financadon", diris prezidanto de Fox Broadcasting, Jamie Kellner. Fox direktas siajn programojn precipe al gejunulaj kaj junaj plenkreskuloj kaj klare gvidas en favoro ĉe 18-34jaruloj.
Kvankam grandaj kompanioj kiel NBC kaj ABC, respektante sian pli aĝan publikon, ne donas tiom provokajn deklarojn, ili tamen provas sekvi la ekzemplon de Fox por regajni perditan terenon en la ĉefa programtempo. Urĝeme ili ellaboras pli kaj pli multajn novajn distrajn programojn, kiujn oni elsendas el lernejoj, universitatoj kaj kafejeoj.

La tendencon kontraŭas nur la kompanio CBS. „Ni gratulas al la konkurencantoj," diris moke ties distroĉefo Jeff Sagansky, kaj aldonis: „Ili kondukas 35 procentojn de l' televidpubliko rekte al ni." CBS kontinue servos al la erudiciaj plenkreskuloj. La argumentojn de reklamistoj Sagansky ne akceptas. „Kiu," li demandas, „do decidis, ke kun pli ol 50 jaroj oni subite ĉesas aĉeti dentopaston kaj senodorigilon?" Sagansky tamen ne mencias, ke CBS antaŭ kelka tempo provis ankaŭ, atingi infanojn per specialaj programoj, sed fiaskis en tio.
H. M.

ESPERANTO-REVUOJ

# La nova periodaĵo *Nova provo*

**En mia artikolo „Kialoj de la efemera pululado de periodaĵoj" (IĴ 2/92: 12 - 14) mi pritraktis kelkajn kaŭzojn de fiaskado en la historio de periodaĵa publikigado en Esperantujo. Por daŭrigi tiun temon, mi deziras nun priskribi la naskiĝon de nova periodaĵo kaj prezenti mian prognozon por ĝia mallonga vivdaŭro.**

*Nova provo* estas 8-paĝa, A 5-formata organo de NOVO (Asocio por Komuna Ellaborado de Lingvo Internacia). Redaktas ĝin *Roy McCoy*, oficisto de UEA, kiu opkupiĝas pri grafikaj laboroj en la Centra Oficejo en Roterdamo. La celo de NOVO estas organizi reformemulojn, kiuj deziras ŝanĝi Esperanton, kaj membrigi ilin en aliĝonta fakasocio de UEA.
Artikoloj en *Nova provo* aperas en du kolumnoj; en la unua estas tekstoj en reformitaj versioj de Esperanto, dum en la apuda kolumno troviĝas traduko en la normala Esperanto. La redaktoro ne kuraĝigas verkojn en normala Esperanto ĉar *Nova provo* „celas esti revuo ne PRI, sed DE lingvoreformo, aktiva kaj praktikata".

**Tre limigita merkato**

Estas neeble ekscii nun pri la aperofteco de *Nova provo*. Jam eldoniĝis nur du numeroj, 1 kaj 2 en aŭgusto 1991 kaj marto 1992 respektive. Kiel provizoran financadon de la revueto, la redaktoro starigis libervolan kotizon, kiu estas minimume dekono de la MA-kotizo de UEA por la lando de la membro

---

# Kiu havas spertojn pri gazetara servo kaj kongresa kuriero?

**TEĴA estonte volas energie kunlabori en Universalaj Kongresoj, por ke kaj gazetara servo kaj kongresa kuriero estu laŭeble efikaj. Sed kiel atingi tion?**

Ofte dum UK devas aktiviĝi gekolegoj en gazetara servo kaj kongresa kuriero, kiuj tion faras por la unua fojo. Kio mankas, estas detalaj konsiloj kaj rekomendoj, kiel organizi kaj realigi tiajn taskojn.
Tial *Stefan Maul* kompilis malneton de konsilaro, kiu helpu ĉiujn koncernatojn: LKK, la respondeculojn lokajn kaj eventualajn aktivulojn el aliaj landoj. Necesas nun, ke ĉi tiun malneton kompletigu tiuj gekolegoj, kiuj jam havas spertojn pri gazetara servo kaj kongresa kuriero de antaŭaj UK-oj.
Ili bonvolu peti la malneton de S. Maul. Ju pli multaj kunlaboros, des pli utila povos esti la konsilaro. Precipe gravas realaj ekzemploj kaj modeloj, kiujn ankaŭ nespertuloj facile povas imiti.
(Adreso: S. Maul, Pferseer Str. 15, D-W-Augsburg, Germanio)

en la kuranta jaro. Estas evidente, ekde la komenciĝo, ke *Nova provo* havas tre limigitan merkaton en Esperantujo, ĉar abonantoj estos plejparte reformismaj zelotoj, kiuj daŭre serĉas manierojn kolporti siajn projektojn. Inter la kontribuintoj de pecoj en la unuaj du numeroj estas homoj, apartenantaj al la grupo de dumvivaj fuŝuloj, kiuj neniam faris utilan laboron por Esperanto sur iu ajn tereno sed nur vane serĉadis diversajn manierojn senĉapeligi la literojn de la Esperanta alfabeto.

**Sakstrato**

Kiu konas la historion de Esperanto, ja scias, ke provoj enkonduki drastajn ŝanĝojn estas sakostrato sen elirejo. Sen iu ajn escepto ĉiuj ĝisnunaj reformprojektoj fiaskis, ĉar la esperantista popolo tutsimple rifuzis ilin. Inteligenta homo, observinte kaŭzojn de malsukceso en la pasinteco, ne ripetas la saman eraron duan fojon. Bedaŭrinde, fanatikuloj ne pensas racie. Sub la nova pakumpapero de hodiaŭaj reformproponoj kaŝas sin malfreŝa pano de aliaj generacioj de reformemuloj.

**Kunlaboro rifuzita**

Tuj post ricevo de n-ro 1 de *Nova provo*, mi proponis al s-ro McCoy mian helpon por altigi la nivelon de la revuo, tiel ke ĝi ne funkciu kiel nura resonilo de malkontentuloj pri la nuna Esperanto. Mi celis evoluon de la periodaĵo en la direkto al forumo por kritika analizo de ĉiuj proponitaj reformoj kaj ankaŭ - multe pli grava - por serioza diskutado pri ne-kontraŭfundamentaj vojoj al modifado de kelkaj aspektoj de Esperanto. McCoy obstine rifuzis mian kunlaboron, preferante doni al *Nova provo* la funkcion de rubujo por reformoj de Esperanto, unu pli bizara ol la alia.
Mi taksas *Nova provo* kiel ankoraŭ unu el tiuj gazetaĉoj, kiuj pro sia negativisma ekzistokialo, ne povos altiri sufiĉe da legantoj por resti viva. Ĝi, plimalpli frue, sekvos la reformemulojn kune kun iliaj publikigaĵoj en la tombon.
Bernard GOLDEN

**KOMPUTILOJ**

## Mistera malsano

**Pli ol triono de l' redaktoroj de brita gazeto *Financa Tempo* suferas pro malsano, kiun kaŭzas tajpado per komputiloj. Oni nomas ĝin angle Repetitive Strain Injury (RSI, t. e. ripeta vundado pro streĉo).**

Tiu ĉi nova malsano estiĝas post longtempa kaj samforma man-movado; konsekvence la koncernatoj suferas dolorojn en fingroj, manoj kaj brakoj, en ekstremaj kazoj povas ne plu movi ilin. Precipe homojn, kiuj tre multe tajpas per komputiloj, trafas ĉi tiu malsano.
Inter medicinistoj estas iuj, kiuj ne akceptas la malsanon RSI; ili argumentas ekzemple, ke ĝi ne ekzistis kiam oni tajpis per skribmaŝinoj, kies klavoj postulis multe pli fortan premon.

**Streĉitaj fingroj**

Tamen eble ĝuste en tio troviĝas la kialo de l' mistera nova malsano: la facile manipuleblaj klavaroj de komputiloj ebligas 14 000 klavotuŝojn (kaj eĉ pli) dum unu horo, unuopa fingro estas ege streĉita, ĉar ĝi moviĝas ĝis 3000 fojojn en unu horo. Kulpas pri la problemoj, laŭ profesoro Sorgatz [Sorgac] de Teknika Universitato Darmstadt [Darmŝtat, Germanio], preskaŭ ĉiam la klavaro. La komputilaj klavoj estas laŭ ergonomia (labor-sana) vidpunkto tiel malfavore aranĝitaj, ke oni devas kurbigi la manon por tajpado. La ergonomie pli bona solvo - klinaj klavoj - ne trovas ŝaton de l' produktistoj, kiuj timas ke la klientaro ne akceptos ilin.
En Aŭstralio oni severe traktas la problemon; sindikatoj postulas kun kreskanta sukceso, limigi la klavopremojn al maksimume 10 000 hore, kio eminente helpas eviti la malsanon RSI. En Britio ĝi estas agnoskita kiel profesi-malsano. En la redaktejo de l' supre nomita gazeto *Financa Tempo (Financial Times)* oni intertempe aranĝis la laborlokojn pli ergonomie, kio tuj kondukis al redukto de novaj malsaniĝoj.

**ELDONADO**

## Kiel analizi la merkaton en Esperantujo?

**En sia artikolo pri la efemereco de E-periodaĵoj (vidu IĴ 2/92 paĝoj 12 - 14) Bernard Golden kritikas, ke multaj esperantistoj, antaŭ lanĉi novan revuon, ne faras merkat-analizon. Kiel oni povas fari tian analizon?**

Ĉi tiun demandon mi starigis al mi, kiam antaŭ iom pli ol 14 jaroj pro hazardaj cirkonstancoj mi vidis la ŝancon, realigi malnovan planon pri eldonado de semajna magazino en Esperanto.
Tiutempe mi estis akirinta freŝajn spertojn pri lanĉado de germanlingva monata revuo por maljunularo. La koncepton starigis mi, sed la merkat-analizon kaj lanĉadon kompreneble transprenis eldonejo disponanta pri la necesaj monrimedoj. Ĉar mi fariĝu la ĉefredaktoro, mi estis dekomence implikita ankaŭ en la financaj aferoj.

**Milionoj bezonataj**

Do mi sciis el rekta sperto, kiom malfacile estas enkonduki novan revuon. Ĝenerale oni ja scias, kiom da miloj kaj miloj da markoj, dolaroj aŭ pundoj grandaj eldonejoj elspezas por merkat-analizoj. La kutima agmaniero estas: 1. Oni starigas redakcion, kiu ellaboras koncepton kaj preparas nul-numeron. 2. Per ĝi oni testas la potencialan merkaton, pridemandante tre detale legontojn. 3. Se tiu ĉi unua testo donas negativan rezulton, la eksperimento finiĝas - kaj la eldonejo vane elspezis gigantan sumon. Se la rezulto estas pozitiva, oni faras pliajn testojn, ĉi-foje precipe ankaŭ rilate potencialan reklam-klientaron (se tion oni ne jam faris en la dua fazo). 4. Nur se ankaŭ ĉi tiuj pliaj analizoj inkluzive de opinisondoj donas pozitivan rezulton, oni publike lanĉas la novan revuon. 5. Tamen, tio ne jam signifas ke la sukceso estas garantiata; oni kutime devas

disponi pri sufiĉa start-kapitalo por elteni minimume 5jaran periodon kun *deficita* bilanco. Nur poste oni povas kalkuli pri firma bazo kaj profito.

**Metodoj ne taŭgaj**

Mia problemo do nun estis, kiel apliki tiajn metodojn por lanĉi internacian revuon en Esperanto. Pro iuj kialoj, kiuj ne gravas ĉi tie, mi subite disponis pri iom da kapitalo, kiun mi povus uzi - sed kompreneble estis modesta sumo por tia celo. Do mi unue ellaboris financ-planon, traktadis kun presejo kaj aliaj firmaoj por ekscii, kiom da abonantoj necesos por havi firman bazon. Tamen mi devis plani tiel, ke jam en la unua jaro de ĝia regula apero la revuo ne produktu deficiton, ĉar mi ne disponis pri sufiĉaj monrimedoj, por elteni pliajn jarojn sen profito. Bonŝance tiutempe ekzistis registara programo, kiu disponigis al nove fonditaj malgrandaj entreprenoj kreditojn tre favorajn, por ebligi al ili la starton. Tamen kreditojn oni povis akiri nur, kiam oni povis montri pozitivan, seriozan prespektivon por la estonta produkto.

**Kiel procedi?**

Kiel do procedi? Estis klare, ke ordinaran merkat-analizon mi ne povis fari, pro manko de mono. Oni ja devas konsideri, ke la supre priskribitaj metodoj validas por ekz. Germanio, do bone konata kaj facile alirebla tereno. Sed la potenciala klientaro de nova E-revuo vivas dise en la tuta mondo, en plej diversaj cirkonstancoj. Do oni ne povas montri al ili nul-numeron kaj pridemandi ilin poste; oni ne povas entrepreni fidindajn opini-sondojn; oni ne povas testi la reagojn de reklam-klientoj, kutime tute ne interesitaj pri E-revuoj kun relative malgrandaj eldonkvantoj.
Do mi iris alian vojon. Mi simple produktis nul-numeron de SEMAJNO (jen la elektita titolo) kaj sendis ĝin al haveblaj adresoj. En ĝi estis tamen ne nur enketilo, sed ankaŭ slipo por provizora, tamen subskribenda abono. Tiel mi eksciis ne nur (per la enketo) opiniojn pri tia revuo, sed ankaŭ la nombron de vere interesitoj, do personoj pretaj pagi la abonkotizon. Tiu ĉi metodo ŝajnis al mi adekvata por analizi la merkaton en *Esperantujo* kaj - precipe - ĝi estis financebla, ĉar ĝi kostis nur onon de tiu sumo, kiun mi devus elspezi por kutima merkat-analizo.

**Tolerebla mon-perdo**

La rezulto estis negativa, tamen ne tiomgrade kiom timis skeptikuloj. Kiel ajn, tiu ĉi maniero testi la akceptemon de novaj klientoj por revuo probable estas la preskaŭ sole ebla metodo, fari merkat-analizon en Esperantujo por malgrandaj entreprenoj, kun - en negativa okazo - tolerebla perdo de mono.
Stefan MAUL

KOMPUTILOJ

# Elektronika reto ESPNET

**Esperanto-Societo en Maribor (Slovenio) invitas ĉiujn esperantistojn, kiuj estas iel ajn ligitaj al komputismo, aliĝi al la ĝis nun plej granda projekto, kiu ligas Esperanton kaj elektronikan komunik-reton: komputila reto nomata ESPNET.**

Tio estas mondvasta projekto, kiu ebligos al ĉiuj esperantistoj uzantaj komputilojn, interŝanĝi informojn kaj debati tre rapide, malmultekoste kaj efike.
La sistemo funkcias surbaze de nodoj, kiuj inter si interŝanĝas informojn en certaj intervaloj, uzas por tio telefonan reton kaj modemon (aparato, kiu ebligas transdonon de komputilaj datumoj al la telefona reto). Estas dezirinde, ke nodo estu laŭeble proksima de uzanto, tiel ke li mem ne estu tro ŝarĝita de telefonkosto; ideale estus, se la uzanto pagadus nur lokan telefonkoston, se la nodo estas en samloka telefon-centralo.

La uzanto vidas antaŭ si lokan nodon, al kiu venas la „postaĵoj" el la tuta reto ESPNET. La transportado de la infomoj de nodo al nodo estas por la uzanto komplete nevidebla kaj ĝi estas zorgo nur de sistemistoj en la koncerna nodo.

**Kiel aliĝi?**

Serĉu kaj kontaktu lokan BBS kaj interkonsentu pri la transigado de „konferenco". Poste vi povos kontakti nin al la suba adreso. La resto estas tekniko. Kiam BBS kontaktos nin, ni disponigos al ĝi la kompletan sistemon en Esperanto, tiel ke la uzanto ne devas scii la anglan lingvon.
Kion fari, se loka BBS estas tro malproksima aŭ ne preta transporti pluen poŝtaĵojn? En tiu kazo vi mem povas aĉeti PC-kongruan komputilon kaj modemon, mendas telefonlinion kaj aĉetas necesan programaron, kaj vi estos preta por ŝalto. La reto estas tekniko (tempo de sendado, telefon-numeroj...). En tiaj kazoj ni estas je via dispono por doni konsilojn, ja la unua paŝo ĉiam estas la plej malfacila.

Se vi estas uzanto de iu jam ekzistanta reto (INTERNET, FIDONET), sendu mesaĝon al la suba adreso por ricevi pli detalajn informojn.
Kiom granda estos tiu ĉi reto? Ni kalkulas je proksimume 10 - 20 aktivaj nodoj kaj 30 tiuj, kiuj ne estos konstantaj sed nur sporadaj nodoj.

Ni povos interŝanĝi informojn kun la tuta mondo, fulmrapide havi kontakton kun homoj. Simpla letero vojaĝas al alia mondparto kelkajn semajnojn, en ĉi tiu kazo per la reto ni havas la respondon jam la postan tagon! Esperantistoj tra la tuta mondo, eblecoj estas multegaj... Ni esperas ke mi sukcesis komprenigi al vi la ideon de la projekto ESPNET. Por ĉiuj aliaj informoj turnu vin al iu el la subaj adresoj.
Boris HERMAN

Adresoj:
Boris Herman, Kaminska Grava 11, SLO-62351 Kamnica, Slovenio. INTERNET „Bherman UNI-MB.AC.MAIL.YU"
Krpan BBS, Razlagova 22, SLO-62000 Maribor, Slovenio. FIDONET „2:380/104"

# Serĉo de nova ĵurnal-profilo

*Grandan sukceson havas usona ĵurnalo USA TODAY, kiu respektas la kutimojn de legantoj edukitaj en televida socio.*

**Germanaj ĵurnal-eldonistoj timas dum la sekvaj jardekoj perdi precipe junajn legantojn, do abonantoj kaj do sian profiton. Tial multaj eldonistoj kaj ĉefredaktoroj serĉas novajn profilojn kaj novajn strukturojn por siaj ĵurnaloj - sed ofte la novaj konceptoj estas nenio alia ol kopioj de televido (kio ja fakte ne eblas).**

Kio okazis aŭ okazas? En Germanio la ordinaraj ĉiutagaj ĵurnaloj estas tielnomataj *regionaj*. Nur kelkaj estas tutlandaj kaj internacie konataj; ties precipa legantaro estas intelektuloj kaj tiuj, kiuj profesie devas esti vaste informitaj pri politiko, ekonomio kaj kulturo.
La ordinara germana civitano tamen - se entute - legas nur sian lokan ĵurnalon, kiu liveras al la familianoj ĉiujn sciindaĵojn gravajn por vivi en la hejma medio. Tiuj *lokaj* ĵurnaloj ordinare estas partoj de regiona ĵurnalo produktata en centra redaktejo; la centralo produktas la ĝeneralan parton kun la klasikaj sekcioj (politiko, ekonomio, sporto, kulturo, buntaj temoj), informante pri tuta Germanio kaj la mondo. Ekonomiaj premoj kaŭzis, ke evoluis tiu ĉi sistemo tiel perfekte, ke praktike neniu el tiuj ĉi regionaj ĵurnaloj havas konkurencon: ĉiu kovras sian regionon komplete.

**Nur 28 minutoj**

Do, oni povus imagi, ke la eldonistoj povas vivi senzorge kun stabila abonantaro (tiujn ĉi ĵurnalojn oni liveras rekte en la loĝejojn) kaj sen minaco de konkurenculoj. Sed laŭ freŝaj esploroj la abonantoj perdas leg-intereson: averaĝe leganto okupiĝas nun dum nur 28 minutoj tage pri sia ĵurnalo, kontraste al preskaŭ 40 minutoj antaŭ kelkaj jaroj. Eĉ pli grave: la plej granda grupo inter la ne-legantoj estas homoj malpli ol 30jaraj - kaj oni prognozas, ke junaj homoj, denaskaj televidantoj, ankaŭ ne legos ĵurnalojn, kiam ili havos la aĝon de l' nunaj gepatroj.

Krome - denove pro rapide kreskanta televid-oferto - ankaŭ reduktiĝis kaj daŭre reduktiĝas la enspezoj per reklamantoj en la regionaj ĵurnaloj.

Kion do fari? Unue starigi analizojn. Tiuj analizoj - krom la menciita legotempo de nur 28 minutoj - montras, ke la legantoj (speciale pli junaj) deziras havi tre mallongajn, koncizajn artikolojn, multajn bildojn kaj simplan lingvaĵon. Pri kio oni tuj memoras ĉe tia karakterizo de komunikilo? Jes, pri televido. Konsekvence do, por trovi novan koncepton, kiu povos teni legantojn kaj eble eĉ akiri novajn, oni provas imiti televidon per presita komunikilo.

**Modelo usona**

Kaj la konceptoserĉantoj germanaj scias, kie trovi la modelon: en Usono. Tie jam antaŭ 10 jaroj startis ĵurnalo, kiu respektas la televid-socion kaj spite al ĉiuj mokoj havis grandan sukceson. *USA Today* (Usono hodiaŭ) laŭ eldonkvanto hodiaŭ estas la due plej granda usona ĵurnalo (post *Wall Street Journal*), legata en 90 landoj. Oni nomas ĝin ŝerce - memorigante pri alia tutmonda usonaĵo, la rapidmanĝaĵo de McDonalds - ankaŭ *McPaper*. Ne maltrafa nomo, ĉar ĝiaj ĵurnalistoj ankaŭ kuiras rapide kaj ĝiaj legantoj voras rapide. Ĝia maniero memorigas pri bild-stri-rakontoj: bunta, rudimenta, do ideala por mallegemaj legantoj. Efektive *presita televido*.

**Diferenco al *Bild-Zeitung***

Strange tamen, ke germanaj eldonistoj vidas en ĝi la modelon, kvankam similan ĵurnalon ili konas de longa tempo en Germanio mem: *Bild-Zeitung* (bild-gazeto), la plej granda laŭ eldonkvanto ĉiutaga ĵurnalo, vendata surstrate same kiel *USA Today*. Ja ĝia nomo eĉ pli ol la usona ĵurnalo signalas ideon pri televido. Tamen estas grandega diferenco inter ambaŭ ĵurnaloj. La germana *Bild* estas malserioza, sensaciema, skandala, parte pornografia - la homoj aĉetas ĝin ĉefe por amuzo, ne por informiĝi. *USA Today* estas serioza, informema ankaŭ per fotoj, sen pornografiaĵo, ankaŭ krimoj ne ludas pli grandan rolon ol en aliaj ĵurnaloj.
Ĝuste pro tiu ĉi principa seriozeco, germanaj eldonistoj kaj konceptistoj vidas sian modelon por estonteco ne en *Bild* sed en *USA Today*. Jam kelkaj regionaj ĵurnaloj imitas komplete tiun ĉi modelon, aliaj pli malpli hezite sekvas kaj sekvos.

**Fundaj ŝanĝoj**

Do oni povas atendi, ke dum la venontaj jaroj funde ŝanĝiĝos la karaktero de l' germana ĵurnalaro. „Oni devas helpi la leganton!" estas unu el la konstantaj postuloj de ĉefredaktoroj - tio signifas ne nur enhave, sed ankaŭ optike prezenti informojn simple kaj plaĉe - kiel televido; atentokapte kaj bunte (per koloroj kaj multaj fotoj) - kiel televido; per grafikaĵoj kaj figuroj, kiuj unuvide klarigas ĉion - kiel televido. Fonaj artikoloj devas havi ne pli ol 90 presliniojn - jen ekzemple la postulo en tia redaktejo. „Politiko estas interesa, kiam en ĝi ĉefrolas homoj," - jen alia slogano de ĉefredaktoro al siaj subuloj (komprenu: la politika *temo* ne gravas...). Kaj tiel plu.

**Distrado - informado**

Komunik-sciencistoj tamen eltrovis, ke tiel simpla la afero

ne estas. Spite al tio, ke preskaŭ ĉiujn homojn allogas televido, ili ne estas tiel stultaj por ne ekkoni, ke ĉi tiu komunikilo precipe aŭ preskaŭ ekskluzive servas al distrado. Ili atendas informojn precipe de gazetoj. Evidente do estas kaj restas la ŝanco de ĵurnaloj, vere informadi. Tion tamen oni ne povas atingi nur per kelkfraza notico kaj granda foto. Ĉu do eble la eldonistoj glitas sur eraran vojon, se ili volas kopii televidon? Ĉu ne estas falsa konkludo: ĉar la (junaj) homoj ne plu emas legi, ni ne donu al ili multon por legi, sed ofertu presitan televidon? Aŭ ĉu eble inverse oni devus klopodi, per ĵurnaloj alloge kaj inteligente prezentitaj denove konduki homojn al legado?

**Kapitulaco?**

Ŝajnas, ke germanaj eldonistoj emas kapitulaci antaŭ la kultur-detrua efiko de televido, anstataŭ per ĵurnalisma impeto majstri tiun defion - aŭ ĉu la ĵurnalisman etikon oni komplete rezervos por patosaj fest-paroladoj? Se la analizoj pravas kaj do la estonta generacio pli kaj pli perdas emon legadi, oni ne povas kulpigi nur la televidon pri tio. Oni certe devas logi per bonaj ĵurnaloj - sed ne per kopiaĉoj de televido. La sukceso de *USA Today* nenion pruvas, ĝi nur montras, ke tiel oni povas gajni monon. Tio estas pure ekonomia fenomeno. Se germanaj eldonistoj volas resti kultur-portantoj, ili devus sekvi alian vojon. Sed oni povas timi, ke eldonistoj ĉefe pensas hodiaŭ - kontraste al siaj patroj kaj prapatroj - ne plu pri kulturo, sed sole pri profito.
Stefan MAUL

## Euronews startos

La lan de januaro 1993 definitive startos *Euronews* (Eŭronovaĵoj), la eŭropa inform-televido (vidu IĴ 2/92 p. 11) per programo de 6 ĝis 24 h, en 5 lingvoj (angla, franca, germana, hispana kaj itala). Inter 50 kaj 60 ĵurnalistoj laboros por ĉi tiu tv en Lyon [Lion, Franciol]; oni ne havos informojn kun parolistoj, sed nur komentitajn filmojn, klarigis ĉefredaktoro Gerard Decq.

ESPERANTOMOVADO

# Diskuto pri konkurenco

**En *Fenomeno*, organo de la Federacio de Esperanto-Organizoj en Nederlando, n-ro 7/92 (julio/aŭgusto) aperis apuda komentario, kiun ni depresas.**

*Heroldo de Esperanto* en n-ro 9/92 (25a de julio) same depresis ĝin, sen komento - tamen kun grava mallongigo: mankas ĝuste tiu alineo, en kiu *Ko NURMI* parolas pri la konkurenco per *Evento* („Sed laŭ la jam tradicia ... ĝi nepre estas.").
*Stefan Maul* en sia artikol-serio en *Monato* 1986 okaze de l' centjara jubileo de Esperanto, al la artikolo „Kia devus esti la Esperanto-gazetaro" donis la subtitolon „Necesas strikte koncentri la fortojn", kaj en la artikolo skribis i. a.: „...tro multaj revuetoj kaj bultenoj, kiuj ĉiuj remaĉas la samajn ‚novaĵojn' kaj konkurencas unu al alia". Unu el liaj postuloj estis: „Centra primovada, aktuala gazeto devus aperi minimume ĉiusemajne."

**Kion opinias vi?**

Sendube ja *Evento* vole-nevole konkurencas al aliaj E-gazetoj, kaj certe ja precipe al *Heroldo de Esperanto*. Ĉu do *Ko NURMI* pravas, ke ĝi nepre estas malagrabla evento?
Kion opinias aliaj, kion opinias vi? IĴ atendas viajn komentojn kaj reagojn.
sm

## Reĝustigo frontpaĝa

Unikan verdikton eldiris germana tribunalo en Freiburg [Frajburg]: ilustrita revuo *Freizeit-Revue* (Libertempa Revuo) devas presi reĝustigon sur la - frontpaĝo. La revuo aperis la 15an de aprilo 1992 kun ĉeftitolo frontpaĝa „Caroline inter angoro kaj feliĉo p. 4/5 Edziniĝo en majo, 4a infano, sed malhelaj ombroj..." La artikolo sur la menciitaj paĝoj tamen estis nur „amohoroskopo", kiu prognozis kiel eblecon edzini-

## *Splitemo*

*Zamenhof, kion vi celis per nia lingvo? Unuigi la homaron, oni asertas. Sed kia stranga publiko ĉirkaŭas vin! Mi ne konas grupon en la tuta mondo kiu tiel kontraŭas ĉiujn specojn de kunlaboro kaj reciproka helpo kiel viaj verdaj batalantoj...*
*Eĉ en la plej kruelaj kapitalistaj rondoj mankas la konkurenco kiu regas niajn rondojn. Kelkfoje mi eĉ pensas ke malamikoj de Esperanto sekrete aliĝis al nia movado por detrui ĝin de interne. Kian malagrablan surprizon ili nun denove havas por ni.*
*Jam dum jardekoj ni posedas sendependan gazeton, nome la grava revuo "HEROLDO de ESPERANTO", kiun fondis Teo Jung en la jaro 1920. Fervoraj helpantoj gvidis ĝin tra malfacilaj tempoj. Okazis ekonomia krizo, Heroldo pluvivis. Okazis terura milito, Heroldo restis. Maljuniĝis la fondinto, tamen Heroldo restis. Laŭ mi tiom longa ekzisto estas vera miraklo. Nun Sinjorino Ada Fighiera-Sikorska senlace laboras por ĝi jam dum multaj jaroj, unue en Belgio, poste en Hispanio kaj nun en Italio kie ŝi spertas malagrablajn malfacilaĵojn. Kiel ĉiu scias la itala poŝtservo funkcias laŭ mezepoka maniero, se ĝi almenaŭ funkcias entute. Ne malofte oni ricevas la gazeton nur post pluraj monatoj, kvankam la presisto forsendas ĝin akurate.*
*Tamen: Heroldo ankoraŭ ekzistas kaj ĉiu kiu bone taksas la valoron de sendependa revuo devus kunlabori por certigi la pluekzistadon de la gazeto. Per subteno al la redaktora skipo, per varbado de abonantoj, per ĉiu helpo kiu eblas.*
*Sed laŭ la jam tradicia kutimo detrui la laboron de aliaj homoj aperis sur mia skribtablo tute nova konkurenca revuo kun la nomo "Evento". Nu, malagrabla evento ĝi nepre estas.*



*Statistikoj en la tuta mondo kalkulas kiom da legantoj ekzistas por ĉiu gazeto. En Esperantio ni pli bone kalkulu kiom da gazetoj ekzistas por ĉiu leganto.*
*Ko NURMI*

**AMO VARMIGAS PLI BONE OL PELTO**

ĝon kaj naskon... Princino Caroline de Monako procesis kaj venkis; nun la revuo devas aperigi reĝustigon sur la frontpaĝo kun jena teksto: „Mi ne atendas kvaran infanon kaj ne edziniĝos en majo".

### Preslaboristaro

*Aleksander Korĵenkov* malkovris regularon de „Internacia Ligo de la Esperantista Preslaboristaro" aperinta en 1909. Ĝia honora prezidanto estis d-ro Zamenhof mem, ĝenerala sekretario *Luis Carlos*, sidejo en Parizo (7, rue Rollin, 5a arrond.). La ligo aperigis ankaŭ gazeton *Le Monde Espèrantiste*. Membroj povis esti „tipografiistoj, kompost-maŝinistoj, presistoj, bindistoj, kaj ĉiuj aliaj personoj, kiuj rilatas al la Presarto". Unu el la celoj estis starigi „Profesian Internacian Terminaron".
Ĉu iu el la legantoj de IĴ scias ion pri la sorto de la ligo kaj pri la terminaro menciita? Por informoj dankus
Stefan MAUL

### Stranga frazo

Ĉu vi scias la anglan lingvon? Se jes: ĉu vi komprenas jenan frazon?
THE QUICK BROWN FOX JUMPS OVER THE LAZY DOGS BACK 1234567890 FK TEST
Miru: ĉi tiun frazon fakte elsendis telekse la usona inform-agentejo Associated Press (AP) antaŭ kelka tempo - erare, ĉar kutime la klientoj ne ricevas tian tekston. Solvo de l' enigmo: ĝi estas la testfrazo, per kiu AP ĉiutage kontrolas, ĉu la teleksosistemo estas en ordo. La frazo enhavas ĉiujn literojn kaj ciferojn de l' angla alfabeto.
Similan testfrazon kun ĉiuj literoj de l' Esperanto-alfabeto kreis antaŭ multaj jaroj Stefan Maul. Jen ĝi:
Ho ve, ĵus nia ĥorestro preskaŭ ŝokiĝis ĉe l' fiecaj zumad-bruegoj!

---

*Ĉu vi fotis dum la membrokunveno en Vieno? Sendu fotojn al la redaktoro de IĴ. Dankon!*

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

---

## LABORPLANO

**Pri la laborplano skribas *Maritza Gutiérrez*, redaktorino de Radio Havana (Kubo):**

Tre atente mi tralegis la trian numeron de IĴ kaj speciale la proponon pri laborplano de TEĴA.
Rilate al membraro: Mi konsentas, sed ankaŭ aldonus: TEĴA estu konata kiel faka help-organizaĵo... Miaopinie, substrekindas la fakeco, ne nur ĉar tio povas ja logi esperantistojn, sed ĉefe, ĉar ekstermovade oni pli respekteme vidos - kaj taksos nian agadon, kio cetere kontribuas pli prestiĝigi ne nur TEĴA-n, sed ankaŭ la movadon mem.
Rilate al IĴ: Eventuale mi konsentas pri la temoj menciitaj, tamen, IĴ reliefigu la plej bone redaktitajn artikolojn, t. e. oni ne prioritatigu ne-ĵurnalismajn temojn, escepte, kiam temas pri imitindaj redaktostiloj. Ni zorgu, ke nia revuo ne transformiĝu en alian MONATOn, simple ĉar ĝi perdus sian celon fakan.
Rilate al aliaj celoj: Mi konsentas ĝenerale. Estas gratulinda la punkto 3: premio. Kompreneble, ĝi postulos regularon, kies enhavo, miaopinie, rajtigos konkursi artikolojn publikigitajn dum la jaro en kiu ajn E-gazeto kaj ankaŭ radio-programojn elsenditajn dum la jaro..
La punkto 4, komputoroj, estas unu el tiuj, kies gravecon oni ne ĉiam sukcesas antaŭvidi. Jam nun RHK (Radio Havana, Kubo) apartenas al la E-reto konata kiel elektronika poŝto, kaj mi celas utiligi ĝin kiel informfonton. Pri la temo mi estonte raportos al IĴ. Tiu komunikilo verŝajne rolos elstare por la celoj de TEĴA.
Punkto 5: Mi konsentas kaj proponas ke TEĴA kreu fakan dosieron pri gazetara servo de UK, kie estu listigitaj plenumendaj normoj - por garantii, sendepende de la kongresa lando, decan gazetaran servon.

## SPEKTRO

**Pri projekto de nova gazeto skribas *Aleksander Korĵenkov*, Rusio:**

Temas pri gazeto, kies tasko estos prezenti por e-istoj diversajn aspektojn de esperanto. Iom mirinde, sed dume ne ekzistas tiu gazeto. *Esperanto* estas nur organo de UEA, kaj ĝi necese spegulas la vidpunkton de la asocio. LPLP estas tro faka kaj nur lingvistika, ktp. ►

---

## Buĝet-propono por la jaro 1993

| | | |
|---|---|---|
| **Enspezoj:** | | |
| Membrokotizoj en okcidento | | 2000 DEM |
| Donacoj | | 500 DEM |
| sumo de enspezoj | | 2500 DEM |
| **Elspezoj:** | | |
| 4 numeroj de Internacia Ĵurnalisto | | 2000 DEM |
| Afrankoj de estraranoj | | 250 DEM |
| sumo de elspezoj | | 2250 DEM |
| deficito el 1991/1992 | - | 1500 DEM |
| supozota deficito en 1993 | - | 1250 DEM |

Klarigo: La deficito en 1992 kreskas, kompare al la cifero donita en la kasraporto dum la membrokunveno en Vieno, ĉar ĝi ankoraŭ ne enhavis la elspezon por ĉi tiu numero de IĴ.
La enspezo estas kalkulata sub la supozo, ke multaj membroj en 1992 pagas jam kotizojn por sekvaj jaroj.

Speciala oferto! Nur 5 markojn aŭ 100 frankojn oni pagas kune kun via TEĴA-kotizo 1993!!!

## Manlibro pri ĵurnalismo

**UNU EL LA MULTAJ BONAJ IDEOJ DE MONATO**

sendube estas ĉi tiu manlibro, kiu kontentigas la bezonojn kaj dezirojn de multaj homoj: verkantoj, redaktantoj. Esperanto-grupoj kaj -asocioj ĉiuspecaj, aŭtoroj kaj ĵurnalistoj profesiaj kaj amatoraj. Ĝi prezentas tutan faskon da informoj kaj konsiloj pri informado, verkado, redaktado kaj eldonado. *Judith Junger* metas la teorian bazon, por kompreni kaj ĝuste taksi la komplikan meĥanismon de l' giganta komunikada sistemo, kaj por metode aliri verkadon.

*Stefan Maul*, profesia ĵurnalisto kaj la ĉefredaktoro de MONATO, el sia multjara sperto donas la necesajn praktikajn konsilojn por bone uzi la instrumentaron de l' ĵurnalismo.

**Manlibro pri ĵurnalismo.** 94 p., 210 BEC + sendokostoj. Bindita. Mendu ĉe via kutima libroservo aŭ rekte ĉe Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

La temaro de *Spektro* estas:
o informado kaj publikaj rilatoj
o instruado kaj pedagogio
o esperantologio, planlingvistiko
o organizaj problemoj kaj societa vivo
o aplikado, faka agado
o kulturo, literaturo, kulturpolitiko
o historio de esperanto
o sociologio

Mi kredas, ke TEĴA-anoj povos havi intereson pri kunlaboro en *Spektro* kaj pri abonado (eble). *Spektro* aperos 4-foje jare, sur 24 paĝoj.

(Adreson de Korĵenkov vidu sur paĝo 2.)

## LEGOKUTIMOJ VARIAS

**Denove pri *Reader's Digest* skribas *Nikolao P. Stepanov*, Rusio:**

Mi tute konsentas kun s-ano *Yamasaki Seikô*, kiu skribis (IĴ 2/92) pri *Redader's Digest* kiel tre simplista laŭdilo de l' „amerika maniero de vivo". Eĉ pli, mi pri tio bone sciis, kiam komence de 60aj jaroj mi komencis legi la revuon. Ankaŭ usonanoj mem avertis min, ke la revuon legadas en Usono nur junaj geknaboj kaj jam enfalintaj en infanecon gemaljunuloj. Tamen ... mi konsideris ĝin tiam kiel tre interesan helpilon en lernado de angla lingvo (ja tiutempe en nia gazetar-merkato estis nur ‚rusangla' *Moscow News* kaj brita kompartia *Daily Worker*, unua tre aĉa en lingvokampo - tion komprenis eĉ mi - la dua treege malfacila pro sia ĵargonemo, ambaŭ ankaŭ tre ideologiaj). Kiel fenestro al alia, nekutima al ni mondo (ja tiutempe la lando nia - Sovetio - estis sur la sama nivelo, kiel eble nun estas Albanio, Kubo kaj Norda Koreio), kiel informilo pri eventoj, okazintaĵoj, pri kiuj oni ne povis tiutempe ekscii el la landa gazetaro kaj ties amas-komunikiloj (ja oni ĵamis eksterlandajn radiostaciojn ktp.) ĝi tre uitilis.

Nu, certe de tiu tempo mi iomete plispertiĝis, tamen oni ne devas forgesi, ke la procezo ne estas ja sinsekva kaj egalrapida ĉe diversaj homoj, krome ja ne ĉiu - ho ve - estas same saĝa kiel ni, ĉu ne, kara samideano? Ankaŭ, kiel prave vi menciis, nun nia socio estas en tiom streĉita stato (pro manko de ĉio), ke ĝi akceptas eĉ la plej ekzotikajn instruojn, ideojn, nociojn (mistikismo, ŝamaismo, diversaj ĉarlatanaĵoj). Do sur tiu fono eĉ la tiel simplista ‚spegulo' kiel RD estas pozitivaĵo. Krome, nun la socio mem ricevis la saman helpilon, informilon, kiu helpos al ĝi adaptiĝi al nova socia, ekonomia ktp. ordo. Kaj kvankam mi nun preferas legi ne nur *Fortune*, *Business Week* kaj *New York Times* (nun tradukitaj rusen), *Newsweek*, *Time*, *US News & World Report* sed ankaŭ *Observer*, *Guardian* kaj *International Herald Tribune*, mi supozas, ke en la socio estas ne tiom malmultaj personoj, kiuj preferos legi RD (50 - 100 mil ekzempleroj por pli ol 200 milionoj da homoj ne estas tiom granda kvanto) - ja homoj estas malsamaj, feliĉe: iu preferas legi librojn de *Dostojevski* kaj *Ĉeĥov* (i. a. en eldonejo *Sezonoj*, Sverdlovsk, antaŭnelonge oni aperigis kolekton de liaj rakontoj *Sveda Alumento*, 1991, 140 p.), aliaj librojn de *Agatha Christie*, *Conan Doyle* kaj *Iŝtvan Nemere*, ankoraŭ aliaj tiujn de *Ulrich Lins* kaj *Marjorie Boulton*. Kaj en la bunteco de la socia vivo ja estas precipa belaĵo nia mondo. Ankaŭ ni estas malsamaj: saĝaj kaj stultaj, modestaj kaj amibiciaj, abonantoj de *Monato* kaj *Babilemilo* (Sud-Afriko). Kaj tio donas esperon, ke vivo sur tero pli daŭros. Amen.

## KIEL LANĈI ARTIKOLOJN

**Pri sia agmaniero, veki intereson pri Esperanto ĉe britaj ĵurnalistoj, skribas *Will Green*:**

Mi sendas al prestiĝaj gazetoj senpagajn artikolojn, en kiuj mi donas plenan informon veran. Tiujn artikolojn mi specife verkas kun la legantoj (kaj reklamantoj) de tiu aparta gazeto en mia menso, kun aludoj al la utilo de Esperanto por ili. Multaj ĵurnalistoj de ioma kompetenteco legas gazetojn kaj ĵurnalojn krom la propran. Tiel ili lernas iomete pri Esperanto. La fakto, ke tiu sistemo sukcesas, estas montrata, kiam ĵurnalisto telefonas, mencias artikolon mian, kaj deziras detalojn pluajn kaj pliajn kaj pli celspecifajn por ilia uzo. Mi jam amikiĝis al pluraj tiel.

Ekzemplo: Mi aperigis artikolon en gazeto de tre vasta hipotek-firmao, alian en prestiĝa ĵurnalo de juristaj ĉefuloj. Krome en gazeto celata al alilandaj studentoj kaj „Au-Pair"-vizitantoj al Britio. Tiuj artikoloj donas la veron. Mi konstante provizas informon al reĝisoroj de radio kaj foje tv, korektante iliajn misdirojn. Ĉiam amike.

Kaj granda ŝanĝo en la sinteno de la gazetaro brita - oni ne atendas de ni instigon, ili mem konstante turnas sin al mi kaj E-Centro por informoj kun intenco fari dokumentan aŭ foje fikcian aludon al Esperanto. Ekz. mi surbendigis la pronon c-manieron de mallonga epizodo por tv-programo de BBC. Tuj post tio mi ricevis el Vieno telefonan peton de la fama inform-agentejo Reuter por informo pri Esperanto en Britio. Unu el la ĉefaj funkciu-

loj de la fama *Daily Mirror* estas amika (parolas Esperanton) kaj helpas kun konsiloj. Mi trejnas niajn membrojn en la artoj kaj tekniko de ĵurnalismo per serio da seminarioj aŭ forumoj. En la pasintaj jaroj kaj en la venontjara brita E-kongreso estas seminarioj por 50 - 60 publico-volontuloj, kie mi kaj aliaj instruas la metodon ataki la gazetaron, kiel verki artikoletojn kaj leterojn al la redaktoroj. Kion oni povas diri, kaj kion oni devas NE diri. Tiuj seminarioj estas tre popularaj.
Ĉar ne multaj personoj povas ĉeesti tiujn seminariojn (kvankam ili okazas ĉiufoje en alia mezbrita urbo), ni komencis aperigi en *Brita Esperantisto* artikoletojn por helpi al niaj propagandistoj, respondi al argumentoj kaj kontraŭdiroj.
La sukceso de la tuta membro-edukado kaj instigo montriĝas en la multaj mencioj de Esperanto en la gazetoj. Kvankam ni vidas kaj kolektas nur parton de tiuj leteroj kaj artikoletoj kaj raportoj, nia ĉiujara kolekto nombras centojn. Kaj la nombro malrapide kreskas.
Krome ni pagas reklamojn en diversaj lokoj, dum la pasinta jaro en valoro de 1000 pundoj, sed en la venonta jaro en valoro de 2000 pundoj. Sed tio ne estas ĵurnalista laboro, nur subtena kaj atentiga, kiel estas la miloj da folioj, kiujn ni disdonas. Tamen - ho ve - nia membronombro malpliiĝas. Kio estas la solvo de tio?

## PERSONE

**Mark FETTES**, eksa redaktoro de la UEA-organo „esperanto", dum UK en Vieno elektiĝis kiel nova estrarano de UEA, respondeca pri l' Informa Fako, eksteraj rilatoj kaj CED. TEĴA gratulas al sia eminenta membro!

**Sten JOHANSSON** en Belartaj Konkursoj de UEA gajnis lan premion en branĉo prozo, **Paŭlo GUBBINS** 2an premion en branĉo teatraĵo kaj **István ERTL** 3an premion en branĉo poezio. Ni gratulas!

**Thomas BORMANN** estas la nova redaktoro de l' UEA-serio *Esperanto-Dokumentoj.*

## REVUO DE REVUOJ

### *INTERESAJ ARTIKOLOJ EN ESPERANTO-GAZETOJ*

**TEJO TUTMONDE**
organo de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo
Sub nova redaktoro *Klaus Dahmann* (Germanio) ĝi ne nur ŝanĝis sian aspekton kaj nun similas al GEJ-Gazeto (organo de Germana E-Junularo), sed estas presata en Moskvo. Interesaj estas novaj terminoj: la gazeto havas *satelitajn redaktorojn* kaj *gastraportojn.* Inter la diversaj interesaj artikoloj de n-ro 3/57 aparte menciindas tiu pri la junulara KSKE (Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo) en Finnlando.

**KONTAKTO**
Dumonata socikultura gazeto de TEJO
Redaktoro *Francisco L. Veuthey* en n-ro 128 ĝojas pro laŭdoj pri la revuo: „Plejparte la laŭdoj venis por la nova grafika koncepto, kies teknikan realigon ni dankas al Roy McCoy, nia kompostisto." Li karakterizas ĝin „pli densa kaj varia, kaj principe, pli JUNULECA". En ĉi tiu numero *Georgo Kamaĉo* recenzas la filmon „Granda kanjono".

**MONATO**
internacia magazino sendependa
Kiel kutime, kompreneble en ĝi troveblas multaj tre interesaj artikoloj. En la rubriko „leteroj" okazas forta diskutado pri tio, ke unu fojon la gazeto trarompis sian principon, ke pri la diversaj landoj raportas nur enlandaj aŭtoroj. Por TEĴA-membroj aparte interesaj artikoloj: En n-ro 6/92 p. 18 raporto pri esploro, kiu montras danĝerojn por gejunuloj per televido en Germanio. En n-ro 7/92 p. 5 „Danĝera revuo"; temas pri persekutoj, kiujn suferis rumana esperantisto pro *Monato.* Intervjuo kun *Umberto Eco* pri lingva ĥaoso kaj estonteco de Eŭropo (p. 25). En n-ro 8/92 la eldonejo publikigas statistikon pri legantoj/landoj. En n-ro 9/92 *Stefan Maul* (p. 5) analizas la evoluon de televido en Germanio kaj venas al la konkludo „Degenero de komunikilo" (titolo).

**ESPERANTO AKTUELL**
organo de Germana E-Asocio
La grandformata (DIN A 4) revuo, kiu nun aperas alterne en Esperanto kaj germana lingvo, kontentigas per bona grafika aranĝo, grandaj bone legeblaj literoj kaj interesa enhavo. Tamen ne ĉiam povas konvinki la elekto de artikoloj por la du lingvoj; tiel en la germanlingva n-ro 5/92 aperas recenzo pri E-libro kaj teksto en Esperanto pri l' brazila movado. Ĉu oni ne volas informi la neesperantistan publikon, kiu ja ne scias la lingvon? Aliflanke certe ankaŭ multaj esperantistoj (negermanaj) ŝatus legi la intervjuon kun fama lingvisto André Martinet, kiu aperas en germana lingvo.

**LA KANCERKLINIKO**
politika kultura skandalema ajnista scienca
En n-ro 61 (jan-mar 92) ĉefredaktoro *Ĵak Le Puil* informis, ke li „por la unua fojo uzas komputilon". Tiu numero ankoraŭ estis miksita: jen kompost-literoj, jen skribmaŝin-literoj. Plej freŝa n-ro 62 (aprjun 92) jam komplete estas kompostita per komputilo. Kiom ajn ofte min ĉagrenis malbone legeblaj skribmaŝinaj tekstoj kaj estas kontenta, ke nun ĉion sen problemoj mi povas facile legi (mi ne parolas pri „kompreni"!), nun mi iomete bedaŭras perdon de ĉarma ĥaoso en grafika aspekto... Ni esperu, ke tamen la ilustraĵojn ankaŭ estonte oni desegnos mane kaj ne komputile!
sm

**ESPERANTISTO SLOVAKA**
Organo de Slovakia Esperanto-Asocio
De kelka tempo la redaktoron de IĴ ne plu atingis la slovaka E-revuo, sed nun li ricevis numeron 4/92: formato DIN A 5, 24 paĝoj, bone legebla, kun multaj ilustraĵoj kaj varia enhavo. Adreso de l' asocio: Sobotské nám. 6, CS-058 01 Poprad.

**KROATA ESPERANTISTO**
organo de Kroata Esperantista Unuiĝo
Nova gazeto kun malnova no-

mo: jam en 1909 aperis *Kroata Esperantisto* por la unua fojo, sed poste formortis. Nun sub sama nomo aperis n-ro 1, formato 190 x 267 mm, 12 paĝoj; ĝi aperas ĉiun duan monaton; jarabono 600 HRD aŭ 12 ndl. guldenoj (adreso: Trg burze 2, Zagreb, Kroatio). En ĝi oni klarigas la kialon por fondi kroatan asocion; E. Lapenna informas pri la ekmuto de l' E-fako de Radio Zagreb. Grandan parton okupas aktualaj eventoj pro milito; sur la lasta paĝo oni donas oficialajn informojn pri la nova suverena ŝtato. IĴ deziras al la nova revuo bonan sukceson!

# LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

## Video-klipo

**Demando al *István Ertl*, redaktoro de *esperanto*:**
En la notico „Filmo: Tricent..." en la marta n-ro de *esperanto* paĝo 58 vi uzis la vorton *videoklipoj*, kiun mi ĝis nun ne renkontis. Mi persone malŝatas entute la formon *video* kaj ankaŭ en *esperanto* ofte mi trovis la pli taŭgan formon *vidbendo*. Sed kio nun pri *klipo*? En PIV oni difinas ĝin kiel „specon de broĉo" kun risorta pinĉilo. Wells en sia vortaro por la angla *clip* indikas kiel verbojn *tondi* kaj *trui*, kiel substantivon *vinkto* (kun verbo *vinkti*) kaj *fiksilo*. Laŭ mia kompreno pri la afero, *videoclip* devus deriviĝi de *clip* en la signifo de *tondi*, ĉar ja temas pri eltondaĵo de (pli longdaŭra) vidbendo. Do estas *vidbendeto* aŭ *vidbenda filmeto* (eble ankaŭ *filmero*?).
Stefan MAUL

**Respondo:**
Ĉu akcepti kaj uzi la radikojn *vide* kaj *klip*? *video/* aperas en la Suplemento de PIV (oni komprenas ke ĝi mankis en 1970) kiel internacia prefikso, simile al *radio/* en PIV mem. B. Golden lastatempe pledis (mi ne plu scias, ĉu en „Malaja Krokodilo" aŭ en „Verda Velko") por la uzo de la radiko *radi-* ankaŭ por la signifo de *radio/*. Mi tute konsentas kun li (ĉar estas ege malkomforte manipuli tiajn duon-ekzistajn vortojn, kiuj ne sidas kohere en Esperanto), kaj mi etendas tiun proponon al *vide-* anstataŭ *video/*. Estas prave ke oni uzas kaj uzu *vidbendo* (eble ankaŭ *vidaparato, vidregistrilo* k. s., sed ofte mi aŭdis nur *vidbendo* el tiu familio), ĉar la signifplilarĝigo de *vid-* al tiu senco bele ilustras la principon, ankaŭ en semantiko, pri „neceso kaj sufiĉo". Tamen, se iu signifo plilarĝiĝas, ĝi ekbezonas pli da kunteksto: eksterfraze oni eble povus kompreni *vidbendo* kiel „rubando por kaŝi la okulojn", *vidaparato* kiel „helpilo de vid-kandikapito" k. s. Cial ĉi, mi preferus, ĉefe en faka teksto, la uzon de *vide-*.
Pri *klipo*: ĝi havas certan PIV-an signifon kiun malmultaj konas („speco de broĉo"); almenaŭ mi neniam aŭdis ĝin uzita. Tio do ne multe malhelpas la transprenon de la angla *clip* (cetere jam nia PIVa *klipo* venis el la angla, se mi ne eraras), kiu jam internaciiĝis: minimume en la hispana, itala, nederlanda, hungara, rusa (pri tiuj lingvoj mi ĵus kontrolis) oni transprenis tiun vorton en la signifo de „mallonga vide(o)-filmo, precipe por ilustri rokkanton". Sed min persone ne ĝenus la uzo de *videofilmeto* aŭ, se temas pri rokmuziko, *rokfilmeto*. Tamen ne *filmero*, ĉar oni celas plejparte memstarajn artverkojn. (La filmo – „kliparo"? – pri kiu mi uzis la vorton en la marta n-ro de *esperanto*, ne estas bona ekzemplo por tio.) Indus peti opinion de *Rok'-gazet'*, ekzemple. Mi ne kontrolis ĉu aliaj uzis *klipo* – pri *Rok'-gazet'* mi tamen supozas. „Nepivaj vortoj" de Cherpillod indikas ĝin en la senco „geologia restaĵo el tegaĵo".
István ERTL

*Rimarko de sm:* Eble precipe la virinoj inter ni konas la vorton *klipo* en la PIVa senco, kiam ili aĉetas kaj uzas *orelklipojn*.

# TELEVIDO

## Nova filmo en Esperanto

**Roman Dobrzynski, redaktoro de Pola Televido, kreis novan filmon en Esperanto, kies premieran prezenton oni povis ĝui dum la UK en Vieno.**

Dobrzynski [Dobĵinski] pasintjare profesie vizitis la mondcentron de bahaanoj en Hajfo (Israelo) kaj produktis pri ĝi 30minutan filmon, kiun en aprilo unuafoje oni montris en pola tv; ĝi ricevis multajn laŭdojn aparte pro ĝia alta arta nivelo kaj pro tio estis eĉ ripetita en pola tv.
Li poste pretigis esperant-lingvan version, kiun li persone prezentis dum la kunveno de Bahaa Esperanto-Ligo en la UK. La spektintoj, evidente bone impresitaj, forte aplaŭdis ĝin. La disponeblaj vidbendoj rapide distribuiĝis.

## Vivi ankaŭ sen *print-*

**Skribas *Renato Corsetti*:**
Vi bonvolis citi min rilate al komputilo/presilo kaj Aarne Fritzon plukomentis pri la sama temo. Mi volas aldoni ke ĝenerale mi samopinias kun Aarne Fritzon pri preskaŭ ĉio kaj ankaŭ mi ne absolute insistas ke neniu nova teĥnikaĵo rajtas havi novan radikon.
Aliflanke ĝuste novaj teĥnikaj eltrovoj ĉiutage igas pli malklara la limon inter presado per presmaŝino kaj presado per komputilo, pro kio mi opinias ke oni povas tute bone vivi ankaŭ sen la nova radiko *print-*, eĉ se mi konsentas ke ĝi ne estas malbona elekto.

## Amas-medioj aŭ ne?

UEA-prezidanto *John Wells* en sia parolado dum la ferma kunveno de l' UK en Vieno uzis la vorton *amasmedioj*, sed ĝenerala sekretario *Ian Jackson* dum la sama kunveno parolis pri *amaskomunikiloj*. Ambaŭ estas britoj. La demando nun estas, ĉu per sia uzo la UEA-prezidanto oficiale sankciis la formon *amas-medioj*?
sm

## METIEJO

PRAKTIKAJ
kaj
UTILAJ AFEROJ

# Kiel racie redakti manuskriptojn

**Stefan Maul, eksa ĉefredaktoro de „Monato", kompilis kelkajn praktikajn kaj konkretajn konsilojn por rubrik-redaktoroj de ĉi tiu revuo, kiel trakti kaj redakti manuskriptojn. Liaj konsiloj, fontantaj en multjara sperto, eble utilos ankaŭ al iuj membroj de TEĴA.**

**Zorgemo.** La plej grava tasko de redaktoro estas zorgeme prepari manuskripton por kompostado (= redakti), eĉ en la plej etaj detaloj, do ĝis la lasta komo! Memoru, ke la tasko de kompostisto estas nur, fidele reprodukti tion, kion li trovas sur manuskripto; vi devas ne atendi de li korektadon de eraroj aŭ aldonon de mankantaj signoj. Se vi ne zorgeme redaktas, poste la kompatinda revizianto devos korekti ne nur kompost- sed ankaŭ redakt-erarojn!

**Demando-kvino.** Kontrolu - precipe ĉe raportoj, noticoj k. s. - ĉu la artikolo respondas al la ĵurnalismaj kvin demandoj *kiu, kiam, kie, kiel, kial?* Se mankas respondo al unu, aldonu ĝin.

**Manskribo.** Se manuskripto estas verkita per manskribo aŭ se ĝi estas tiom erarplena, ke ne facilas redakti kaj korekti ĝin sur la senditaj folioj, pripensu ĉu ne estas pli facile kaj racie, reverki (retajpi) ĝin, samtempe redaktante - kondiĉe ke ĝia enhavo estas valora.

**Stiloj.** Laŭeble lasu la stilon de l' aŭtoro, se tio ne ĝenas la kompreneblecon; revuo ne devas havi unuforman kaj pro tio eble eĉ tedan stilon. Male, diversaj stiloj vigligas la revuon. Tamen bone atentu pri nacilingvaj idiotismoj ne ĉie kompreneblaj. Se vi ion ne komprenas, forstreku tion anstataŭ doni enigmojn al legantoj.

**Novismoj.** Rigore forstreku superfluajn neologismojn, se la revuo celas al ordinaraj esperantistoj kaj ne estu eksperimentejo de lingvoreformemuloj. Se neologismo estas neevitebla (ekz. en faktemo), nepre aldonu klarigon, tamen ne en piednoto (kiun oni devas serĉi) sed rekte malantaŭ la termino en rondaj krampoj. Kiam temas pri iomete ampleksa klarigo, eblas ankaŭ aldoni en kesto (kadro) klarigon.

**Falsaj amikoj.** Kiam aŭtoro estas via samlingvano, facile vi pretervidas falsajn amikojn. Do des pli severe kontrolu la tekston rilate ĉi tiun kaptilon.

**Plurobla eraro.** Kiam aŭtoro uzas malĝustan aŭ eraran vorton aŭ terminon, kutime ĉe la unua kaj dua okazo vi rimarkos tion kaj korektos. Sed se en pli longa teksto konstante aperas la sama eraro pluroble, eble la kvinan kaj dekan fojon vi ne rimarkos. Do redaktinte la manuskripton, ankoraŭfoje kontrolu ĝin laŭ ĉi tiu kriterio.

**Amplekso.** Se aŭtoro liveris tro longan tekston, ne reduktu ĝin mem - se ne estas urĝe aktuala temo - sed resendu kun la peto, ke tiu aŭtoro koncizigu ĝin ĝis la konvena amplekso; memorigu la verkinton, ke tre longajn tekstojn neniu emas legi. Agante tiel, vi edukas aŭtorojn kaj evitas ĉagrenon, ĉar poste vi ne rikoltos riproĉojn, ke vi forstrekis „la plej gravajn partojn"...

**Intertitoloj.** Ĉe artikoloj, kiuj okupas pli ol trionan kolumnon en la revuo, nepre metu alineojn kaj intertitolojn; tio eminente akcelas la emon legi tekstojn, donas pli plaĉan grafikan aspekton kaj ŝajnigas longajn artikolojn esti malpli longaj (vidu supre: longajn tekstojn neniu emas legi...). Intertitoloj havu nur unu linion kaj estu laŭeble simile atentokaptaj kiel ĉeftitoloj.

**Artikol-speco.** Bone prikonsideru, ĉu artikolo estas raporto, komentario, eseo ktp. kaj klare indiku tion. Raporto devas ne enhavi tro komentajn elementojn kaj ĉiuokaze ne personajn opiniojn de la aŭtoro.

**Mi kaj ni.** Se aŭtoro verkas raporton, informon k. s. en „mi-" aŭ „ni"-formo („ni japanoj ne kutimas ..."), ŝanĝu al neŭtrala formo („la japanoj kutimas ..."). Estas malbona ĵurnalismo, verki kun *mi* aŭ *ni*; lertaj ĵurnalistoj evitas tion eĉ en komentario.

**Mallongigoj.** Antaŭ ol uzi mallongigojn (de organizaĵoj k. s.), en la unua mencio de l' koncerna instanco aŭ organizaĵo devas aperi la kompleta nomo kun aldono (en rondaj krampoj) de la mallongigo; poste, en la sekva teksto, oni povas uzi nur la mallongigon. Ekz.: „Tute novan problemon malkovris Eŭropa Komunumo (EK) en la agrikultura kampo: Kiel diris EK-komisaro ..."

**Signoj.** Oni ne uzu signojn nekonatajn en ĉiuj landoj, ekz. & por „kaj" en kompani-nomoj aŭ $ por usona dolaro; ĝenerale por indiki valutojn oni ne uzu mallongigojn aŭ signojn, sed la kompletan nomon, ĉar tio faciligas la legadon (do germanaj markoj, rubloj, britaj pundoj ktp.). Se aŭtoro do uzas tiajn signojn, ŝanĝu.

**Ciferoj.** Oni ne uzu latinajn ciferojn, ĉar ne en ĉiuj landoj oni scias ilin (ekz. azianoj havas problemojn); do ne *Johano Paŭlo II.* sed *papo Johano Paŭlo 2a.* Ne *VIII. jarcento* sed *oka jarcento* aŭ *8a jarcento*. Kiam en teksto aperas multaj ciferoj kaj nombroj, prefere metu ilin en tabelon aŭ figuron aŭ klare listigu ilin (ekz. ĉe parlamentaj elektoj, statistikoj). Legantojn tedas kaj fortimigas tro multaj ciferoj en kuranta teksto.

**Interpunkcio.** Prefere metu tro multajn ol tro malmultajn interpunkciajn signojn, kiuj faciligas legadon kaj komprenon de tekstoj.

**Dikaj punktoj.** Oni helpas legantojn kaj aldonas plaĉan grafikan elementon, kiam en teksto kun pluraj punktoj - ekz. de partiprogramo, laborplano, listo de preskriboj - oni metas komence de ĉiu punkto dikan (grasan) punkton ● aŭ tian kvadrateton ■, ekz.

● organizi seminariojn...